# Ernest Malinowski konstruanto de Transandia Fervojo

Kvankam pasis jam preskaŭ unu kaj duonan jarcenton, kvankam dum tiu tempo oni konstruis pluajn grandiozajn fervojliniojn montarajn, kontinentajn, de grandaj rapidoj, ĉefajn liniojn, tamen neniu estis nomita *teknika miraklo*. Tion meritas nur tiu fervojlinio, kiu en la sepdekaj jaroj de la pasinta jarcento grimpis plej alten inter ĉiuj pere de homo ĝis nun konstruitaj. La Centra Transandia Fervojlinio (Ferro-Carril Central Transandino) atingis altecon de 4835 m super la mara nivelo, la plej altan fervojan punkton de la mondo, nuntempe nomita *La Cima*. Malgraŭ grandega progreso de tekniko, konstruita en la 19a jarcento linio liganta komercan havenon Callao kaj la ĉefurbon de Peruo Lima kun mineralriĉa Montania ĝi estas, ankaŭ ĉe la sojlo de la 21a jarcento, la plej certa kunligo ebliganta transporton de pasaĝeroj kaj varoj laŭ tiu vojo.

La kontrakton pri konstruado de transandia fervojlinio oni subskribis la 23an de decembro 1869. La bazangulan ŝtonon sub ĝia konstruado oni metis la 1an de januaro 1870, kaj la konstruadon oni komencis la 20an de januaro 1870.

Oni skribas, ke la konstruanto de la fervojlinio Lima – Oroya estas amerikano Henry Meiggs (1811-1877). Nur malmultnombraj originoj mencias ankaŭ la nomon de polo Ernest Malinowski (1818-1899) informante, ke li finis la verkon de Meiggs post ties morto. La polaj originoj montras polon kiel konstruanton, menciante nur pri Meiggs, kiel pri tiu al kiu oni malĝuste arogas meritojn de polo. Dume Meiggs kaj Malinowski laboris kune ĉe la konstruado de la linio, kaj de la labora kontribuaĵo de unu dependis sukceso de la alia. Eble ĵus tiu lasta frazo enhavas veron pri homoj, kiuj venkante malfacilaĵojn kaj multnombrajn malhelpojn kreis teknikan miraklon.

Oni devas konstati, ke sen mono de amerikano Meiggs, Malinowski ne povus realigi sian bravan vizion, por konduki fervojlinion al la pintoj de Andoj, kaj ankaŭ, ke sen la genio de polo Malinowski, Meiggs ne garantius por si lokon en la historio.

Laŭ *Nowe Sygnaly* n-ro 10/97

Janina Wereszka

---

**El la redakcio:** Ankaŭ en ĉi tiu numero abundas materialo pri la 49a IFK. Ni estis devigataj dividi la *Resuman jarraporton,* tiel ke la lasta parto aperos nur en n-ro 6. Tie aperos ankaŭ la protokolo pri la kunveno *Movadaj aferoj*. Kelkajn ricevitajn artikolojn ni devis ŝovi ankaŭ al venonta numero. Nun denove ni petas vin sendi artikolojn. Red.

**Frontpaĝo:** Parto de la partoprenantoj en la jubilea laborkunsido en Hungario (vidu p. 79) antaŭ la domo kun memortabulo honore al d-ro József Takács en Nagymaros. (Foto J. Tomíšek)

---

# Enhavo




# 50a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

### 16a-22a de majo 1998 en Aalborg, Danio

Adreso: 50a IFEF-Kongreso
Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev

Ĝirobankkonto: 1-659-1165 (bankkodo 1199)

## LKK-komuniko n-ro 2 pri 50a IFK

Nia kongresejo, Aalborg Kultur- & Kongrescenter, reklamas sian ekziston en la 1997-eldono de Jarlibro de UEA. Tia pozitiva sinteno al nia kongreso certe valoros ankaŭ dum nia jubilea kongreso. Do, ne hezitu: aliĝu laŭeble baldaŭ.

**Kongreskotizoj**, validaj ĝis 31.01.1998, estas jenaj:

| | DKK |
|---|---|
| IFEF-membro | 400 |
| Familiano kaj junulo ĝis 20j | 200 |
| Ne IFEF-membro | 480 |
| Simpatianto (kiu ne partoprenos, sed post la kongreso ricevos la kongresmaterialon) | 100 |
| Ĉambroperado por unu lito | 20 |
| Ĝirobankelspezoj | 30 |

**Aliaj prezoj:**

| | |
|---|---|
| Duontaga ekskurso lunde 18.05. | 100 |
| Tuttaga ekskurso ĵaŭde 21.05. | 200 |
| Komuna manĝado dimanĉe 17.05. | 180 |
| Eniro al Fervoja Muzeo Odense vendrede 22.05 | 20 |

**Hotelprezoj en Aalborg:**
(unu lito, unu persono, unu nokto)

| | unulita ĉambro | dulita ĉambro |
|---|---|---|
| Kategorio A | 698 | 375 |
| - B | 400 | 300 |
| - C | 360 | 260 |

A + B situas tre proksime al kongresejo.

Vojaĝplanoj ankoraŭ ne ekzistas en preciza formo, ĉar DSB la 28.09.97 grave ŝanĝos la enlandan horaron. Vojaĝdaŭro Hamburgo-Aalborg = ĉ 6 horoj, Aalborg-Odense = 3h 15m, Odense-Kopenhago = 1½ h, Kopenhago-Hamburgo = 4½ h.

Petu aliĝilon ĉe via landa asocio aŭ ĉe la LKK-adreso, vidu supre.

# Fondiĝis Danuba forumo

Meze de junio en la okcidentrumana urbo Timişoara (konata laŭ siatempa partopreno en tiel nomata 'televida' revolucio) okazis fondiĝo de nova scienca forumo sub la titolo *Danuba Esperantlingva scienca kaj kultura forumo* (DESKF). La fondiĝon iniciatis Tutlanda Asocio de Sciencistoj de Rumanio, filio Timişoara, Komisiono pri Esperanto kaj interlingvistiko.

La unuan tritagan sesion de la forumo partoprenis prelegantoj el Hungario ( Endre Dudich kaj Árpád Máthé), Jugoslavio (Radojica Petrović kaj Gvozden Sredić), Slovakio (Eva Polakova) kaj kompreneble Rumanio (profesoro Ignat F. Boiort, Maria Butan, Georgeta Nihita k.a.). La temoj estis tre diversaj: interreto, estetiko, pedagogio kaj kompreneble internacia Esperanta terminologio kun spertoj de IFEF sur tiu kampo (aŭtoro G. Sredić).

La forumo estas neprofita, neregistara, civitana, internacia organizo esperantlingva. Ĝiaj ĝeneralaj agadkampoj estas: scienca, kultura, socia kaj turisma. Ĝi kunvenas ĉiujare dum junio, prefere ĉiam en alia lando. La sidejo de la forumo estas en Timişoara.

G. Sredić

# Protokolo de la publika plenkunsido

## en la 49a IFEF-kongreso en Košice (SK) - 14.05.1997.

Mallongigoj: Pr = prezidanto, Vp = vicpr, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, l.a. = landa(j) asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laŭ normo ISO 3166).

**1. Malfermo, konstato mandatoj**

La tuta e-o ĉeestas. La Pr salutas kaj bonvenigas la partoprenantojn. Li proponas inversiĝon de la punktoj 6 kaj 7 de la tagordo. La k-o unuanime akceptas.

La Sk alvokas la rajtigitojn kaj kalkulas la ĉeestantojn:

| Lando | Kodo | Komitatano |
|---|---|---|
| Aŭstrio | AT | Ernst QUIETENSKY |
| Belgio | BE | Lucien DE SUTTER |
| Britio | GB | - |
| Bulgario | BG | Veselka KAMBUROVA |
| Ĉeĥio | CZ | Jindřich TOMIŠEK |
| Danio | DK | E. Henning OLSEN |
| Francio | FR | Jean RIPOCHE |
| | | Denise HAPPI-FOSSO |
| Germanio | DE | Joachim GIESSNER |
| | | Otto RÖSEMANN |
| Hispanio | ES | José IVERN MAS |
| Hungario | HU | József HALÁSZ |
| Italio | IT | Gaetano GUBBIOLI |
| Jugoslavio | YU | Gvozden SREDIĆ |
| Kroatio | HR | Marica BRLETIĆ |
| Nederlando | NL | Jan BULTMAN |
| Norvegio | NO | Rolf BERGH |
| Pollando | PL | - |
| Rumanio | RO | Sorin PORUPCA |
| Slovakio | SK | Magdaléna FEIFIČOVÁ |
| Slovenio | SI | Jovan MIRKOVIĆ |
| Svisio | CH | Ernst GLÄTTLI |

Ĉeestas 19 voĉdonrajtaj k-anoj.

**2. Ricevitaj telegramoj, leteroj**

La Sk legas la bondezirajn kaj salutajn leterojn de s-ino Michela LIPARI (Ĝen. Sk de UEA), de d-ro Petr CHRDLE kaj de k-go János PATAY (HU), malhelpata partopreni pro sanstato.

**3. Honorigo al la mortintoj**

La Sk legas la nomojn de niaj mortintoj pri kiuj oni eksciis, ekde 05.1996 ĝis 05.1997.

| Lando | Nomo | Nask.tago | Morttago | Aĝo | Menciindaĵo |
|---|---|---|---|---|---|
| Belgio | Camiel VAN BIESEN | 21/04/25 | 24.05.96 | 71 | |
| | Albert MARMENAUT | 11/02/16 | 14/08/96 | 81 | |
| Francio | Marcel LAMAIRE | 24/02/01 | 16/10/96 | 96 | |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | Albert LIENHARDT | 1904 | 23/11/96 | 92 | FFEA-Hon.Mem. |
| | Jean TUFFIER | 02/04/14 | 31/12/96 | 83 | |
| | Morgan ROBIOLLE | 1982 | 01/97 | 14 | |
| Hungario | Irén RÉV | 1920 | 12/04/96 | 76 | |
| | István FEKETE | 1914 | 25/05/96 | 82 | |
| | Ilona PÁTAY | | 28/01/97 | | |
| Italio | Primo TREVISANI | 17/10/13 | 02/10/96 | 83 | |
| | Catina DAZZINI | 1927 | 17/02/97 | 70 | |
| | Alfredo BASSETTI | 1917 | 26/02/97 | 80 | |
| Jugoslavio | Mile MARKOVIĆ | 29/09/25 | 27/11/96 | 71 | |
| | Natalija PETROVIĆ | 27/12/12 | 23/01/97 | 84 | |
| | Olga CUKOROV | | | | |
| Kroatio | Mirko TANDARIĆ | | | | |
| | Marija IUIĆ | | | | |
| Norvegio | Olaf NYBERG | 29/01/28 | 21/08/96 | 69 | |
| | Odd Magnus RENNEMO | 1923 | 12/10/96 | 73 | |

Oni honore memorigas ilin per unuminuta silenta starado. Ke ili ripozu pace.

4. **Raportoj estraraj**
   - **4.1 Sekretario** (IF 3/97, paĝoj 37a-38a)
     Unuanime aprobita.
   - **4.2 Redaktoro** (IF 2/97, paĝo 24a)
     Unuanime aprobita.
   - **4.3 Kasisto, konfirmo de kasraporto/bilanco 1996** (IF 2/97, paĝo 23a)
     Unuanime aprobita. Estas korektoj ĉe Membrostato en IF 2/97, paĝo 22a: entute en 1995 kaj en 1996 resp. estis 1.669 kaj 1.517 membroj.

5. **Protokolo Hago (NL)** (IF 5/96, paĝoj 69a-72a)
   Unuanime aprobita. La Ks mencias pri la donaco de 1.000 NLG al la IFEF-kaso de la 48a IFK. La asembleo dankas per aplaŭdo.
6. **Raporto ĉefkomitatano**
   Ĉk De Sutter raportas pri la pasinta agadperiodo. Li povas rimarki ke preskaŭ ĉiuj l.a. respondis al la cirkulero. Li partoprenis en la estrarkunvenoj en Plan (IT) kaj Budapest (HU). Li ofte kaj bonorde havis rilatojn kaj korespondis kun la e-o kaj kun la k-anoj. Li informas pri la Ĝenerala FISAIC-kunveno en Brissago (CH) kaj pri la daŭraj kontaktoj kun la ĉina l.a. por aranĝi iliajn kotizpagojn. Raporto unuanime aprobita.

7. **Kongresproponoj**
   La Pr prezentas la kongresproponon n-ro 1 de k-go Ripoche (FFEA) pri la Statuto § 12, kiu troviĝas en IF n-ro 1/97, paĝo 7a.
   Post diskuto la k-o voĉdonas tiel: 10 voĉoj por, 2 kontraŭ. Propono aprobita.
   La Pr prezentas la kongresproponon n-ro 2 de k-go De Sutter (BEFA) pri la Statuto § 18, kiu ankaŭ troviĝas en IF n-ro 1/97, paĝo 7a.
   K-go Kovář kontraŭas, ĉar, laŭ li, la tri unuaj punktoj de la komentario estas ne ĝustaj.
   K-go Giessner rekomendas ne akcepti la proponon, aŭ ke ĝi validu nur por la Pr.
   K-go De Sutter argumentas favore de sia propono.
   K-go Tschom diras ke devas esti evoluo, ĉar nun neniu eĉ scias kiu venonte estos fervojisto.
   Fine oni voĉdonas tiel: 11 voĉoj por, 7 kontraŭ, 1 sindeteno. Propono aprobita.
   - **7.1 Elekto ĉefkomitatano kaj anstataŭanto**
     La Pr prezentas la kandidatojn: resp. k-gojn Jean RIPOCHE (FR) kaj Jindřich TOMIŠEK (CZ).
     La K-o unuanime aprobas per aplaŭdo.

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**

**8.1 Gvidanto**

D-ro Halász rapide donas informojn pri la faka agado, nome pri: la aperinta 'Fakaj Kajeroj' n-ro 6; la fakprelegoj kongresaj kaj eksterkongresaj, ĉefe en UK; la apero de tuta serio (13 volumoj) de terminaroj (Esperanto-nacia lingvo kaj inverse) en la 14 oficialaj lingvoj de UIC ĝisdatigitaj kun tri aldonaj lingvoj (ĉeha, dana, rumana) kaj kun pli ol 1.200 novaj terminoj, laŭ la lasta (2a) CD-ROM-versio; la difinlaboro. En 1996 aperis 3 TeKu-oj, inter kiuj la 100a n-ro. Raporto unuanime aprobita.

**8.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)**

Inĝ. Kovář detaligas la laboron de la sekcio. Li listigas titolojn kaj enhavon de la ĉefaj prelegoj kaj de la novaĵoj dumkongresaj. Li ankaŭ informas pri la venontaj prelegoj por Aalborg kaj por la UK Adelajdo.

**8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)**

D-ro Hoffmann detaligas la tradukan kaj revizian laboron de la Terminara Sekcio. Elstaras la daŭra apero de TeKu (danke al k-go Heinz Dieter Hartig), la gratulojn de la reviziantoj de PIV por la difina faka kunlaboro; la profunda kaj fekunda traktado de multaj vicordaj kaj difinaj problemoj por la 3a versio de la CD-ROM. Raporto unuanime aprobita.

En tiu ĉi agado la Vp prezentas al la asembleo la tutan serion de la ĵus presitaj 13 terminaroj (Esperanto/nacia lingvo kaj inverse) realigitaj ĉe la Hungaraj Ŝtatfervojoj laŭ la lasta ĝisdatigo de la datenoj de la RailLex-projekto. Li invitas konsulti kaj aĉeti ilin je la prezo de 30 DEM.

**8bis. Konfirmo de elektoj en la Faka Komisiono**

La Pr invitas la k-on konfirmi la elektojn de la responsuloj en la FK por la jaroj ĝis 2000. Unuanima akcepto per aplaŭdo; ili reelektiĝis:

| | |
|---|---|
| Gv FK | József HALÁSZ |
| Sk FAS | Ladislav KOVÁŘ |
| Sk TS | Heinz HOFFMANN |
| Rd TeKu | Heinz Dieter HARTIG |

**9. Raportoj de la Komisiitoj**

**9.1 Skisemajno (IFES) 1997** (IF 2/97, paĝo 26a)

Pro kompreneblaj kaŭzoj ne venis raporto pri la lasta 38a IFES en Mülbach, Aŭstrio (AT), 08-15/03/1997.

**9.2 Fervoja Koresponda Servo 1996**

La komisiito k-go Sorin Porupca informas pri la porkoresponda agado. Li ricevis/sendis 40 korespondaĵojn el/al 9 landoj. Li havas plibonigajn ideojn por la FKS. Raporto unuanime aprobita.

**9.3 Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA**

Vp Gulyás raportas pri la 81a UK Prago (CZ) kie partoprenis 2.971 homoj el 66 landoj. Salono estis honore nomita laŭ d-ro Bácskai. Dum la faka kunveno okazis tri fakprelegoj kun partopreno de pli ol 80 s-anoj. Li anoncas sian partoprenon en la 82a UK Adelajdo, en kiu ankaŭ okazos fakkunveno mardon la 22a/07 je la 10,00h. Raporto unuanime aprobita.

**9.4 Uniformparado**

K-go Krogstie sendis demisian leteron pri la tasko. La Pr proponas rifuzon al tio kaj voĉdonigas la k-on: 18 voĉoj por kaj 1 sindeteno.

**9bis. Honorigoj**

Fine per mallongaj ceremonioj la Pr, nome de IFEF, honorigas k-gojn Lucien DE SUTTER kaj Gvozden SREDIĆ per la ora insigno de "Honora Membro de IFEF". Longaj aplaŭdoj

substrekas la honorigojn por danki al ili pro la longa, lerta kaj bonega laboro por nia Federacio.

**10. Resumo de jarraportoj 1996 el la landaj asocioj**

Vp Gulyás resumas la situaciojn kaj la agadojn de la l.a. Notindas ke estas pli ol 4.000 membroj en ili, kvankam pro pagproblemoj tiu nombro reduktiĝas ĉe IFEF. Bedaŭrinde la emerituloj proporcie kreskas kaj estas jam ĝis 70%. La tuta pritraktado aperos en IF n-ro 5/97. Raporto unuanime aprobita.

**11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj**

Pr Engen montras al la raporto de la Vp, kiu estas jam sufiĉe informa kaj klara.

**12. Budĝeto 1998 kaj kotizo**

La Ks montras al la folio kun la proponoj de budĝeto 1998, jam disdonita al ĉiuj k-anoj, rekte proponante kotizaltiĝon laŭ la propono (3), t.e. al 8 CHF. La budĝeto kaj la nova kotizo (valida ekde 1998) estas unuanime aprobitaj.

**13. Rilatoj al aliaj organizoj**

**13.1 UEA**

La Vp informas pri la bonaj rilatoj: IFEF ja estas la plej aktiva faka asocio de UEA, sed eble ne pli multe oni povas atendi de tiuj rilatoj. En la Jarlibro 1996 estas 56 FD (FakDelegitoj).

**13.2 FISAIC**

La Pr mencias ke ne estas gravaj novaĵoj, krom ke nia k-go De Sutter akceptis la taskon organizi en Ostendo (02-05/10/1997) la FISAIC-prezidantara kunveno.

**14. Venontaj kongresoj**

**14.1 Konfirmo de invito al la 50a IFK (DK) 1998**

Unuanima aprobo pri la elekto de la loko Aalborg (DK), 16-22/05/1998, kiel kongresurbo. Oni anoncas ankaŭ postkongreson en Kopenhago. Post la plenkunsido kaj dum la tuta kongreso okazos disdono de invitiloj, aliĝiloj, glumarkoj.

**14.2 Elekto de lando por 1999**

Nome de la Fakkomitato de Fervojistoj E-istoj en Slovenio, k-go Jovan Mirković invitas al Maribor por 1999. Li donas klarigojn pri la agado de la landa FISAIC-sekcio kaj klopodos por ke la 51a IFK ricevu la enkadrigon de FISAIC. La k-o voĉdonas por la lando: 15 voĉoj por, 4 sindetenoj.

**14.3 Diskuto pri pluraj eblecoj**

K-go Porupca (RO) esploros ĉu eblos en Rumanio. K-go Scharf (AT) ŝatus aranĝon en la teritorio de eksa Orienta Germanio. La Vp atentigas ke en la jaro 2000 okazos en Berlino la UK. K-go Giessner forte dubas pri la ebleco tiam organizi kongreson en tiu landa parto.

**15. Venontaj IFES 1998 kaj poste**

K-go Jovan Mirković invitas al la 39a IFES, en Pohorje-Maribor (SI), 07-14/02/1998. Li atentigas pri la altaj bankkostoj kaj konsilas uzi simplan poŝtmandaton aŭ VISA-karton. La k-o voĉdonas: 18 por, 1 sindeteno. Li disdonas kopiojn de la aliĝilo..

Ne estas aliaj proponoj por la estonto.

**15.1 Nomumo de nova Komisiito por IFES**

La juna k-go Hubert PEYROUTY sin prezentas por tiu tasko. La k-o unuanime aprobas per aplaŭdo kune kun la tuta asembleo.

**16. Eventualaĵoj**

K-go Scharf (AT) demandas pri eventuala speciala kotizo por veteranoj. La Ks donas klarigojn pri la multaj malfacilaĵoj, kiuj stariĝus pro tio.

La Sk memorigas pri la IFEF-iniciato kolekti beletrajn verkojn okaze de la venonta jubilea IFK.

K-ino Feifiĉová anoncas ke la LKK finance kontribuis por havi cizitan tabuleton (1 kvadrata metro) sur la ĉefa placo de Košice, memore al la kongreso.

K-go Bergh demandas ĉu IFEF venontjare aperigos specialan jubilean kongreslibron. La Pr respondas ke tio dependos de la verkotaj kontribuaĵoj.

**17. Libera diskutado**

K-go Ferenc Phersy (HU) invitas al kelkaj aranĝoj en Hungario.

K-go Schindler (DE) atentigas pri la apero ĉe UEA de libro kun pli ol 1.000 ZEO-j en la mondo.

K-go Giessner prezentas kantaron. Ĉe la bazaro estas kasedoj kaj libroj.

La Sk invitas al pli longa ebleco diskuti pri ĝeneralaj temoj dum la kunveno 'Movadaj Aferoj', vendredon la 16/05.

Fine de la traktindaĵoj, Pr Engen fermas la kunvenon, dankante ĉiujn pro la atento kaj kontribuo.

Bologna, 29.06.1997.
Protokolis: Sk Romano BOLOGNESI

# Resumo de ĉefa fakprelego dum la 49a IFK

*Magdaléna Feifiĉová (SK)*:

## Historio kaj nuntempo de la fervojoj de Slovaka Respubliko

La unua fervojo en Hungario, la fervojlinio sur la nuna teritorio de Slovakio inter Bratislava kaj Svätý Jur, ekspluatiĝis la 20an de septembro 1840. La trajnon tiris ĉevaloj. La unua trajno tirita per vapora lokomotivo venis en Slovakion al Bratislava la 20an de aŭgusto 1848.

La unua elektra fervojlinio sur la teritorio de Slovakio kun propra vapora centralo estis donita al ekspluatado en Altaj Tatroj inter Poprad kaj Starý Smokovec la 22an de decembro 1908.

Kun ekesto de memstara Slovaka Respubliko la 1an de januaro 1993 ekestis *Fervojoj de Slovaka Respubliko ŽSR* (Železnice Slovenskej republiky).

La teritorio de Slovaka Respubliko ampleksas 49.036 km$^2$, sur kiuj vivas 5336 miloj da enloĝantoj. La fervoja reto de Slovakio inkluzivas nuntempe 3667,798 km, el kiuj 2644,248 km estas unutrakaj kaj 1023,550 km dutrakaj linioj. El 1472,847 km da elektrizitaj linioj 844,400 km estas provizitaj per kontinua kurento 3 kV kaj 728,447 km alterna kurento 25 kV.

En Slovaka Respubliko estas 936 fervojstacioj, kargejoj kaj haltejoj. La vagonstoko enhavas 1677 trakciilojn kaj trakicajn unuojn, el kiuj preskaŭ la duono estas dizelelektraj lokomotivoj.

Al pli bona kunligo de Slovakio kun Eŭropo kontribuos novkonstruo de fervojlinio el Bratislava ĝis la ŝtata limo kun Aŭstrio.

Unuavice oni modernigas la fervojliniojn, kiuj estas gravaj por la internacia trafiko, nome:

- Kittsee (ÖBB) – Bratislava – Púchov – Žilina – Čadca – Zwardoň (PKP)
- Břeclav (ČD) – Kúty – Bratislava – Nové Zámky – Štúrovo – Szob (MÁV)
- Bratislava – Žilina – Košice – Čierna nad Tisou.

Ekde la 1a de januaro 1997 ŽSR havas trinivelan administadon, kiu konsistas el:

- supera gvidado

- gvidado sur nivelo de divizioj kaj
- baza gvidado.

Divizioj estas internaj organizaj unuoj kun tutslovakia kompetenteco, kiuj en difinita tereno certigas ekspluatadon kaj bontenadon de la veturvojo, ekspluatadon kaj bontenadon de moveblaj transportiloj kaj komerc-entreprenistan agadon en pasaĝera kaj vara transportoj fare de bazaj laborejoj en tuta reto de ŽSR.

Specialaj internaj organizaj unuoj librotenas memstare, respondecas pri la posedaĵoj konfiditaj al ili, bonhavoj kaj malbonhavoj kaj laboras laŭ financa plano.

La 1an de januaro 1997 ŽSR havis 50.730 dungitojn.

Datenara paketa reto de ŽSR, kiun kreas 43 nodoj, kunligas unuopajn informsistemajn laborejojn de ŽSR en la tuta teritorio de Slovakio.

Enkadre de la paketa reto de ŽSR estas integritaj:

- ekonomia informsistemo SAP R/3
- sistemo KVC – kompleta ekipado de pasaĝeroj
- informsistemo por vartrafiko IRIS-N.

# Resumo de fakprelego dum la 49a IFK

## *Joachim Giessner (DE):* Historio kaj evoluo de la fervojaj horarlibroj

Jam la Romana Imperio, kiu ja konstruis famajn ŝoseojn por siaj armeoj, kreis 'itineraron' kun indikoj pri vojoj, stacioj kaj distancoj. Io simila aperis ĉirkaŭ 1520 sub nomo 'Vojolisto'. Ĝi enhavis indikojn pri distancoj kaj staciaj urboj inter Antwerpen kaj Frankfurt (Main), Augsburg kaj Venecio.

Nur en 1844, do naŭ jarojn post ektrafiko de la unuaj fervojoj, aperis *Manlibro por vojaĝoj*. Tamen kiel unuan fervojan horaron oni certe rajtas rigardi tiun, kiu aperis 1825 en Anglio por la linio Stockton – Darlington.

En kelkaj eŭropaj landoj ekzistis horarlibroj ekde 1845. En Germanio aperis iu 'Manlibro' kun 166 paĝoj, kiu enhavis la tempojn de ekveturoj kaj alvenoj de poŝtkaleŝoj kaj trajnoj en pli ol 500 lokoj. La unua oficiala tutgermana 'Regna Kurslibro' aperis en 1850 kun 128 paĝoj.

En Aŭstrio unue ekzistis primitivaj horaroj, ĉefe kiel bazo por interna uzado ekde 1840. En 1870 la publikigitaj horarlibroj jam havis similan aspekton kiel la nuntempaj, nome ili estis aranĝitaj laŭ tabeloj kun vertikalaj kolonoj.

En Belgio ekzistis en 1852 horareto kun detaloj pri 10 fervojaj linioj, kelkaj ŝiplinioj trans la Manikon al Anglio kaj sur la rivero Rejno.

En Danio jam en la 18a jarcento ekzistis speco de horaro sub nomo 'Almanako', ekde 1795 'Vojaĝ- kaj skribkalendaro'. Nur ekde 1868 aperis privataj, ekde 1886 oficialaj danaj fervojaj horarlibroj. Male en Norvegio jam en 1854 ekzistis oficiala prifervoja horaro, sed privataj planoj nur ekde 1869. Iom alian sistemon oni aplikis en Finnlando, kie unue la fervojo mem eldonis horarlibrojn, sed en 1891 trandonis tiun taskon al turisma asocio.

En Francio la unuaj oficialaj horaroj aperis en formo de senkostaj folioj ne regule eldonitaj. En 1846 ekaperis privata monata horarlibro, kiu komence havis 96 paĝojn, en 1936 jam 762.

En 1871 oni aranĝis la unuan germanan horarkonferencon, al kiu jam unu jaron poste sekvis la unua internacia. Ekde tiam tiaj konferencoj duonjare okazis sub nomo 'Eŭropa Horarkonferenco'. En 1875 la konferenco enkondukis la indikon de la noktaj tempoj en la horaroj per substreko de la minutociferoj inter 6a horo vespere kaj 5.59a horo matene. La transiro al la dudek-kvar-hora tempo en Eŭropo okazis tre diverstempe. De post la unua mondmilito la Eŭropa Horarkonferenco kunvenas nur unufoje jare.

La plej multaj fervojoj aplikas en informaj klarigoj krom la propra lingvo ankaŭ unu aŭ plurajn en Eŭropo ofte uzatajn lingvojn. Tiuj ĉefe estas la angla, franca kaj germana. En preskaŭ dek landoj ankaŭ la internacia lingvo Esperanto troviĝas inter tiuj aldonaj lingvoj.

La Eŭropa Horarkonferenco fiksas la planojn

por la internaciaj pasaĝertrajnoj kaj donas ilin al la naciaj fervojoj.

Apud la fervoja reto en ĉiuj landoj evoluis ampleksa reto de aŭtobuslinioj. El ili multaj estas privataj.

Oni menciu ankaŭ la grandformatajn afiŝoplanojn pri ekveturo kaj alveno de trajnoj, el kiuj la pasaĝeroj povas informi sin surloke. Multaj fervojoj informas siajn klientojn per kompletaj horartabeloj en granda formato, kiujn ili elpendigas en la stacidomaj haloj. Kelkaj fervojoj prezentas specialajn faldfoliojn por unuopaj linioj, fervojaj nodoj aŭ komunikoj inter gravaj urboj.

Per tiu konciza traktado ni klopodis doni superrigardon pri la historio kaj evoluo de la fervojaj horaroj. Sed ni opinias, ke ni ankaŭ montris, kiel grava estas tia informado por la homoj, kiuj pli-malpli ofte uzas la fervojon.

## Fervojo interligas, kion akvo disigas

Jen interesaj detaloj pri la granda majstroverko trans la Grandan Belton, kiu seke interligas la danajn insulojn Selando (Sjælland) kaj Fueno (Fyn). Danoj kaj germanoj ĉefe, sed ankaŭ usonanoj, angloj, irlandanoj, italoj kaj francoj kunlaboris en tiu giganta projekto. Tiu 18 km longa konstruaĵo estas teknike nekutima verko. Ĝi konsistas fakte el tri partoj. Nome fervojo kaj aŭtomobiloj en la okcidenta flanko komune veturas sur stilzokonstruaĵo super la akvo ekde la insulo Fueno ĝis la insuleto Sprogø. Tie la fervojo eniras la ok kilometrojn longan tunelon al Selando. Male la aŭtoj supren grimpos ĝis alteco de 60 m super la mara nivelo al giganta pendoponto, kies plej larĝa apogdistanco inter du pilonoj estos 1624 m. Sekve ĝi estos la plej granda, libere ŝvebanta ponto de la mondo. Eĉ la plej grandaj ŝipoj povos trapasi sub ĝi.

En la orienta flanko oni konstruis la fervojan tunelon disde la poraŭtomobila pendponto pro la kostoj. Komuna tunelo aŭ ponto, kiu povus porti trajnojn kaj aŭtojn samtempe, estus teknike pli komplika kaj pli multekosta. Venontan jaron ankaŭ tiu grandega orienta ponto estos preta, dum la okcidenta ponto kaj la tunelo jam nun estas uzeblaj. La antaŭvidita rapido por la trajnoj estas 180 km/h, sed provizore la pasaĝertrajnoj 'kontentiĝas' pri 140 km/h.

Alproksimiĝante al la tunelo el la orienta flanko apud Korsør oni jam povas admiri la ĉielostreban silueton de la pendpontaj pilonoj. 254 metrojn altaj ili estas, 97 m pli altaj ol la katedralo de Kolonjo. Kvar kolosaj betonblokoj, grandaj kiel futbalkampoj, estis mergitaj sur la margrundo ekzakte je milimetro helpe de persatelita navigado. Ĉiu el tiuj blokoj pezas ĉirkaŭ 500.000 tunojn. Sur ili estos fiksitaj la du pilonoj kaj la flankaj ankroblokoj, je kiuj estas fiksitaj la 85 cm dikaj ŝtalkabloj, kiuj portas la ponton. Oni asertas, ke la kompleta konstruaĵo estos tiel stabila, ke ĝi povos elteni rampopuŝon de malgranda frajtŝipo.

Krome la ponto kapablos kontraŭstari ventorapidecon ĝis 265 km/h, kio estas pli multe ol la duoblo de uragano (118 km/h) kaj duoble tiom multe kiom iam ajn estis mezurita en la Granda Belto. Dum la konstruado de la okcidenta ponto oni laborigis naĝgruon, kiu kapablas porti pli ol 7000 tunojn.

La insuleto Sprogø estis pligrandigita preskaŭ ĝis la kvarobla amplekso por krei lokon por endigado de la tunela enirejo kaj por la ramplo de la okcidenta ponto.

Por financi kaj amortizi la tutan konstruaĵon, oni antaŭvidas uzkotizon por aŭtoj proksimume same altan kiel la ĝisnunaj prezoj por pramoj. La Danaj Ŝtatfervojoj devos pagi jaran uzkotizon de 130 milionoj da germanaj markoj. Tiel oni kalkulas, ke la mamuta projekto estos pagita post 35 jaroj.

Cetere ankaŭ ĉe Øresund (17 km larĝa) inter Kopenhago kaj Malmö en Svedio oni jam komencis realigi similan planon kun tunelo, artefarita insulo kaj duetaĝa pendponto. Post ties konstruado tuta Skandinavio estos interligita kun la mezeŭropa rel- kaj ŝoseoreto.

Ekstrakte el *Zug* 7/97 Jogi

# Resuma jarraporto
## de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 1996

Surbaze de demandilo la landaj asocioj preparis sian jarraporton pri la jaro 1996. El inter la 23 landaj asocioj de IFEF nur Svedio ne sendis raporton.

**1. La landaj asocioj**

La membraro de landaj asocioj nombras 4081 membrojn, 91 membrojn malpli ol en la antaŭa jaro. La landaj asocioj raportas pri 1335 IFEF-membroj, ĝi montras malkreskon de 112 membroj. Se ni ekzamenas la indikojn aperintajn en nia oficiala bulteno Internacia Fervojisto, ni povas konstati, ke la membronombro de IFEF bedaŭrinde ankaŭ malkreskis. En la jaro 1995 – laŭ la IFEF-kasisto – IFEF havis 1669 membrojn, kaj en 1996 nur 1520 membrojn. Kiel mi jam analizis la situacion en la jarraporto pri la jaro 1995, mi denove devas alvoki nian atenton pri la malbona tendenco, ke la membronombro de IFEF flue malkreskas. Ni nepre devas krei laborplanon, konkretajn taskojn por plibonigi la situacion, plifirmigi nian movadon.

La nombro de la emerituloj inter la IFEF-membraro stagnas, tio estas 70%.

Ĉiu landa asocio havas estraron, kies nombro varias inter du kaj dek.

La landaj asocioj entute havas 100 grupojn, 9 grupojn malpli ol en la antaŭa jaro.

**2. Landaj organoj. Kontakto kun IFEF-redakcio**

Dek kvar landaj asocioj havas propran organon. Inter ili Danio kaj Francio dek unufoje, Ĉinio dekfoje, Hispanio kaj Nederlando sesfoje, Aŭstrio, Germanio, Italio, Hungario, Jugoslavio, Norvegio kaj Svislando kvarfoje, Japanio dufoje kaj Rumanio unufoje aperigas ĝin jare. Ok landaj asocioj ne eldonas propran periodaĵon. Estas esperiga plano, ke Bulgario planas aperigi propran organon en 1997.

La totala amplekso de tiuj organoj nombras 680 paĝojn, kiu kvanto estas la plej granda el la fakaj organoj.

Danio, Hungario kaj Nederlando aperigas la propran organon pure en Esperanto.

Laŭ la raportoj de la landaj asocioj 12 landoj havas spacon en aliaj organoj por aperigi artikolojn.

Ĉiu landa asocio – escepte de Estonio kaj Kroatio – havas respondeculon pri la kontakto kun la IF-redakcio.

**3. Rilatoj kun fervojaj kaj aliaj instancoj**

Estonio, Germanio kaj Japanio ne havas rilatojn al la fervojaj administracioj.

Belgio, Ĉinio, Danio, Francio, Italio, Hungario, Jugoslavio, Kroatio, Nederlando, Norvegio kaj Svislando ricevas financan apogon kaj alian helpon de la fervojo. Bulgario, Hispanio, Rumanio kaj Slovenio ne ricevas financan apogon, sed alian helpon – ekz. senpagajn biletojn por veturi al kongresoj aŭ aliaj kunvenoj, ejon por kunveni, ekspedi senpage la poŝtaĵojn ktp.

La klarigoj en la oficialaj horarlibroj aperas ankaŭ en Esperanto en Danio, Hungario, Jugoslavio, Pollando kaj Slovakio. En Ĉehio, Italio kaj Rumanio jam aperis en la pasintaj jaroj Esperanto-klarigoj en horarlibroj, kaj ili klopodas reenkonduki tion. En Bulgario, Ĉinio, Germanio, Slovenio kaj Svislando la fervojistaj esperantistoj provas aperigi la Esperanto-tekston en la horarlibro, sed ĝis nun ankoraŭ ne sukcesis.

Laŭ la raportoj 15 landaj asocioj havas bonajn rilatojn al la FISAIC-organizaĵoj, ĉefe en Belgio, Danio, Francio, Hungario, Nederlando kaj Rumanio. El ili 12 landaj asocioj ricevas financajn kaj aliajn subtenojn de la landaj FISAIC-organizaĵoj.

Nur naŭ landaj asocioj havas rilaton kun la landaj fervojistaj sindikatoj, kaj en kvar landoj ricevas la fervojistaj esperantistoj apogon de la sindikatoj.

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj laboras kun la kulturaj, artaj, libertempaj, filatelistaj, radioamatoraj, sportaj, turismaj kaj nefervojistaj organizaĵoj.

**4. Kunlaboro. Rilatoj kun aliaj esperantistaj organizaĵoj**

Dek sep landaj asocioj havas rilaton kun UEA pere de siaj landaj Esperanto-asocioj, nur tri landoj kun SAT.

Dek tri landaj asocioj havas bonajn kontaktojn ekz. kun najbaraj IFEF-asocioj, Esperanto-institutoj, Esperanto-bibliotekoj, Esperanto-muzeoj, IKUE, KELI, ILEI, MEM, UMEA, IPTEA, MEL ktp.

Laŭ la raportoj dek kvar landaj asocioj havas entute 52 fakdelegitojn de UEA pri fervojo.

**5. La propaganda, informada kaj varbada laboro**

vigliĝis kaj pliboniĝis kompare kun la antaŭa jaro. Multaj raportoj enhavas pozitivajn rezultojn kaj evoluon sur la tereno de informado kaj varbado.

Ĉiu landa asocio – escepte de Estonio, Japanio kaj Nederlando – raportas pri apero de artikoloj en gazetoj. Inter ili Belgio, Ĉehio, Ĉinio, Francio, Hispanio, Hungario, Italio, Jugoslavio kaj Svislando raportas pri multnombraj artikoloj, Germanio 41, Norvegio 35, Danio 17, Rumanio 8, Slovenio 6, Kroatio 5 artikoloj en diversaj tagaj kaj semajnaj gazetoj kaj ĵurnaloj.

Dek kvin landaj asocioj raportas pri dissendo de priesperanta informmaterialo, unufoliaj, plurfoliaj materialoj kaj afiŝoj. El ili la plej grandaj kvantoj pretiĝis en Germanio (5400 pecoj), Italio (4000), Francio (2200), Norvegio (1000), Danio (pli ol 500), Hungario (pli ol 200). La materialojn oni dissendis ĉefe al deĵorejoj, al vizitantoj okaze de ekspozicioj, al institutoj, bibliotekoj kaj vojaĝagentejoj.

En dek kvin landaj asocioj okazis pli ol 100 fakprelegoj plejparte pri la IFEF- kaj UEA-kongresoj, pri fervojaj novaĵoj, pri ekskursoj ktp.

Dek landaj asocioj raportas pri prezentaĵoj, sciigoj kaj intervjuoj en radioprogramoj kaj televidoj, ekz. en Slovenio ĉiusemajne estas prezento per teleteksto en la nacia televido.

En ses landoj aranĝis la fervojistaj esperantistoj ekspoziciojn, kiujn vizitis pli ol dekmil interesiĝantoj, la plej multaj en Francio, Germanio kaj Italio.

Dek ses landaj asocioj raportas pri informado en deĵorejoj per informkestoj, murgazetoj, prezentadoj ktp.

**6. Kunvenoj, kursoj ktp**

Laŭ la raportoj ĉiu landa asocio – escepte de Japanio – aranĝis estrarkunsidon, entute 105. La ĉefaj temoj de tiuj kunsidoj estis financaj, administraciaj, organizaj, movadaj, kongresaj, fakaj kaj varbadaj aferoj. Dum multaj estrarkunsidoj oni pritraktis la maljuniĝon de la movado, la edukadon de nova generacio, la baloton de la Eŭropa Parlamento, la ekzamenon de eblecoj de juniĝo de la fervojista Esperanto-movado.

En dek naŭ landoj okazis entute 416 membrokunvenoj ĉe la fakgrupoj de la landaj asocioj, kie ĉeestis c 6000 personoj.

En dek ses landoj oni faris memstaran lingvokurson, entute 65 kursojn. La nombro de kursanoj entute estis 530 membroj. Ĉe la kursoj elstaris Francio kun 110 kursanoj, Rumanio kun 70 kursanoj, Hungario kun 56 kursanoj, Ĉinio, Danio, Italio kaj Jugoslavio kun 40 kursanoj.

Escepte de Italio kaj Slovakio ĉiu landa asocio aranĝis jarkunsidojn, entute kun 780 partoprenantojn. Inter ili partoprenis en Jugoslavio kaj Rumanio 120, en Germanio 85, en Francio 59, en Aŭstrio 52, en Bulgario 48 kaj en Kroatio 45 ĉeestantoj. Dum sep jarkunvenoj partoprenis eksterlandanoj, entute 30 personoj. En la kadro de la jarkunvenoj oni faris multe da fakprelegoj, ekskursoj kaj aliaj prezentadoj.

Ĉiuj landaj asocioj – escepte de Aŭstrio kaj Slovakio – planas aranĝi jarkunvenon en la jaro 1997.

Ok landaj asocioj aranĝis en 1996 internacian fervojistan Esperanto-renkontiĝon.

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj planas aranĝi en la jaro 1997 estrarkunsidon (entute 117), kunvenojn kaj aliajn eventojn por la membraro (entute pli ol 400), kursojn (pli ol 60 kun ĉ. 600 kursanoj).

(Daŭrigo en la venonta numero de IF)

# Biciklista saluto

S-ro SCHWETTER Oldrich (CZ), kiu biciklis al la 49a IFK en Slovakio, sube priskribas sian reenbicikladon hejmen al Ĉeĥio:

Košice mi forlasis matene la 17an de majo 1997. Mia vojdirekto gvidis tra suda Slovakio, kie mi vizitis neniujn esperantistojn. Mi dormis sub la ĉielo, t.e. sen tendo, ĉar estis tre belega, varma vetero. Dumtagaj temperaturoj estis ĉirkaŭ 30°C. (Kia granda diferenco: kiam mi komencis mian bicikladon al Košice ankoraŭ iomete neĝis kaj en Jablunkov-pasejo, kie estas ŝtatlimo Ĉeĥio-Slovakio, estis nur 2°C).

Kiam mi forlasis Koŝice renkontis min malagrablaĵo – mia fotografilo ĉesis funkcii, kaj de tiu ĉi momento mi ne povis fotografi. Domaĝe, ĉar ankaŭ suda Slovakio estas tre bela kaj interesa lando. Kelkajn interesajn vidindaĵojn mi nun volas prezenti al vi:

La unua vidindaĵo, kiun mi en montaro Slovenský kras (= Slovaka Karsto) vizitis estis ruino de gotika renesanca burgo *Turniansky hrad*. Superi montaron Slovenský kras ne estis por mi facila tasko, ĉar miaj valizoj pezis 25 kg. Al *Jablonovské sedlo* (= Jablonov montpasejo) senĉese supreniris montsupren 4 km longa ŝoseo. Tiu ĉi monteto, kie estas Jablonov montpasejo, nomiĝas *Sorožka* (legu Soroĵka). Oni diris al mi, ke sub la monteto Sorožka estas la plej longa slovaka fervojtunelo, kiu mezuras kelkajn kilometrojn. Bedaŭrinde neniu diris al mi la precizan longon. – Antaŭ vilaĝo Krásnohorské Podhradie estas arteriĉe ornamita secesia maŭzoleo, kiu apartenas al la plej valoraj secesiaj memoraĵoj en Slovakio. En ĝi estas marmoraj sarkofagoj de princo Dionýz Andrássy kaj lia edzino Františka Andrássy. Sude de urbo Rožňava mi vizitis la belegan groton *Domica*, kie estas koloraj stalaktitoj kaj stalagmitoj. La groto estas trietaĝa, 7 km longa kaj parte oni ŝipveturas sur rivereto Styx. Domica estas kunligita kun la mondkonata hungara groto *Aggtelek*, kaj entute ili estas longaj 22 km. En urbo Zvolen estas tre bela kastelo. Ĝi estas gotika renesanca konstruaĵo, kiu estis konstruita laŭ tipo de itala 'castello', kaj estas nun nacia kultura memoraĵo. Antaŭ la kastelo staras kirasvagonaro, per kiu oni batalis kontraŭgermanaj faŝistoj dum Slovenské národní povstání (= Slovaka Nacia Ekstaro) en la jaro 1944. Tiun ĉi kirasvagonaron kaj ankaŭ du similajn faris propramane mem fervojistoj el urbo Zvolen, en fervojaj laborejoj. En Ziar nad Hronom estas granda fabriko, kiu produktas aluminion. Ĝis urbo Levice estis tre bela kaj varma vetero, sed poste komencis pluvi. Do fino de mia biciklado jam ne estis tiel bela. Mia biciklado daŭris entute 33 tagojn kaj per biciklo mi traveturis 1058 km.

Mi estas kontenta, ke mi partoprenis vian IFK-on, kaj ke mi ankaŭ iomete kontribuis al ĝia programo. Dum mia prezentiĝo kelkaj gesamideanoj fotografis min, kaj al ili mi direktas nun mian peton: Vi ĉiuj, kiuj fotografis min dum la prezentado de skeĉo, estu tiel afablaj kaj sendu al mi fotografaĵon. Mi sendos al vi bildkarton de nia urbo Havířov (100.000 da loĝantoj). Kaj se iu de vi dezirus korespondi kun mi, mi petas: skribu!

Kaj nun ankoraŭ ion pri mia Esperanto-biografio: Mi esperantistiĝis en la jaro 1948, do venontjare mi solenos mian 50jaran datrevenon de mia esperantistiĝo. Kiam mi poste fariĝis instruisto de gimnastiko kaj geografio, mi fondis en la jaro 1955 je nia lernejo infanan E-rondeton, kiu funkciis ses jarojn. En la jaro 1956 mi fondis E-klubon por plenkreskuloj en nia urbo Havířov, kiun mi gvidis kvin jarojn. En la jaro 1961 komunistoj malpermesis al mi disvastigadi Esperanton. Tio okazis tiel: Vizitis min du komunistoj el regiona komitato de komunista partio. Tiuj ĉi homaĉoj deziris paroli kun mi inter kvar okuloj kaj agis tre vulgare. Unu el ili kaptis min je la gorĝo kaj kriante li interalie diris al mi: "Vi, kiel juna socialisma instruisto, vi devas propagandi la rusan lingvon kaj ne ian kosmopolitan Esperanton! En la nomo de komunista partio

mi ordonas al vi: ĉesu propagandi Esperanton, aŭ NI detruos vin!. Ni lasos vin sekvi kaj kontroli per STB (= Ŝtata Sekreta Polico de komunistoj)."

Kion mi devis fari? Mia pozicio estis tiam tre malbona. Mi ne estis komunisma partiano, mi ne estis ano de la Asocio de Ĉeĥoslovaka-Soveta Amikeco kaj mi devenis el oficista familio (t.e. treege granda 'peko' dum la komunisma reĝimo). Mi ektimis, kaj tial mi ĉesis pri Esperanto. De tiu ĉi tempo mi ricevadis neniajn Esperanto-korespondaĵojn, t.e. neniujn leterojn, bildkartojn, gazetojn, librojn ktp. Komunistoj ĉion likvidis. Pri mia Esperanto estis fino je pli ol 30 jaroj, kaj tial mi ankaŭ perdis miajn gekorespondantojn. Sed dank' al Dio nia E-klubo ne malaperis.

Falis iam ne nur germana bruna faŝismo, sed ankaŭ nun la rusa ruĝa faŝismo, kaj nia Esperanto travivis, ĉar ĝi estas eterna. Dank' al Dio mi travivis ankaŭ kaj hodiaŭ mi povas libere labori por nia E-movado. Mi fariĝis denove ano de nia E-klubo en Havířov kaj ano de Ĉeĥa Esperanto-Asocio. Mi estas ankaŭ tre kontenta, ke plenumiĝis ankaŭ mia granda revo, ke mi povis viziti la 81an UK-on. Ĝi estis mia unua UK, kaj mi atendis je tiu ĉi okazo 48 jarojn.

Kiam komunistoj malpermesis al mi disvastigi Esperanton, nia E-klubo ne malaperis. Miaj anstataŭantoj, kiujn mi edukis en kvar E-kursoj, gvidis ĝin pluen. Pasintjare, fine de novembro 1996, ni festis 40an datrevenon de nia klubo. Dum tiuj tagoj (29.11-1.12.96) samtempe okazis ĉe ni la 8a nacia kongreso de Ĉeĥa Esperanto-Asocio.

Mi devas aldoni ankoraŭ ion pri mia biciklado. Ĝi estas mia granda hobio, kaj ĉijare mi solenas ĝian 60jaran datrevenon. Jes, kiam mi estis 11jara knabo mi entreprenis mian unuan pli grandan bicikladon kaj poste sekvis ĉiujare pluaj kaj pluaj. Mia edzino kaj mi entreprenis 22 libertempojn perbicikle. Ni bicikladis ekipitaj per tendo, dormsako, gumomatracoj kaj per aliaj tendarbezonoj, kiujn oni bezonas por tendumi en naturo.

Pli ol 30 jarojn mi staris ekster la Esperanto-movado, kaj mi perdis, kiel mi jam skribis, ĉiujn miajn gekorespondantojn. Nun mi tre volonte korespondus kun iuj seriozaj korespondant(in)oj.

SCHWETTER Oldrich
Sadová 7,
CZ-73601 HAVÍŘOV-MĚSTO

# Forpaso

**Milica Hrnčić (1924-1997)**

La 21an de julio forpasis en Beograd Milica Hrnčić, honora membro de Fervojista Esperanto-Societo *Branko Maksimović* kaj la unua prezidantino de Jugoslavia Asocio de Fervojistoj Esperantistoj (JAFE).

Milica naskiĝis la 5an de septembro 1924 en Gračanica (Bosnio), finis ekonomian fakultaton en Beograd en la jaro 1954 kaj la saman jaron venis al la fervojo kaj ekinteresiĝis pri Esperanto. Kiam en la jaro 1955 estis fondita JAFE ŝi fariĝis ĝia unua prezidantino. En tiu funkcio ŝi partoprenis plurajn IFEF-kongresojn kaj tre vigle kunlaboris kun la iniciatinto kaj tiama prezidanto de FISAIC, sinjoro Mollion. Ŝi restis fidela adepto de Esperanto ĝis sia lasta spiro.



Ŝian entombigon en Beograd ĉeestis multaj esperantistoj kaj aliaj amikoj. Ŝi ripozu en paco.

JAFE

# Jubilea laborkunsido

La Hungara Fervojista Esperanto-Asocio fondiĝis antaŭ 40 jaroj. En la signo de tiu jubileo okazis la tradicia 31a Landa Amika Renkontiĝo en la urbo Nagymaros la 5an kaj 6an de julio 1997.

Entute 54 esperantistoj partoprenis la renkontiĝon, inter ili la reprezentanto de Hungaria Esperanto-Asocio kaj sep eksterlandaj gastoj el Aŭstrio, Ĉeĥio, Rumanio kaj Slovakio.

La oficiala programo komenciĝis per akcepto ĉe la urbestro s-ro Mihály ZOLTAI, kiu koncize konigis la historion de la urbo kaj transdonis al ĉiu gasto broŝuron kaj bildkarton pri la urbo. Al la asocio li transdonis plastikaĵon pri la urba blazono. Nia prezidanto, István Gulyás, respondis kaj dankis pro la invito kaj akcepto.

Post la akcepto okazis la solena laborkunsido. István Gulyás salutis la ĉeestantojn kaj laŭtlegis salutleterojn de mag. Gvozden Sredić el Jugoslavio, honora prezidanto de IFEF Joachim Giessner el Germanio, kaj Antal Járó, prezidanto de la Fervojista Fakgrupo en Nyíregyháza.

Sekvis la festparolo de la estraro de HFEA, kiun prezentis János Patay. Li faris koncizan trarigardon pri la historio de la hungara movado de fervojistaj esperantistoj kaj pri ĝia revuo *Hungara Fervojista Mondo*. Poste la gastoj alparolis. Unue s-ro dipl. inĝ. Herbert Sonntag salutis en la nomo de AFEF kaj transdonis valoran donacon: pentraĵon de esperantisto sub titolo 'Naskiĝo de Esperanto'. S-ro Jindřich Tomíšek interpretis la saluton kaj bondezirojn de la ĉeĥaj fervojistaj esperantistoj. Ankaŭ li transdonis donacon okaze de la jubileo. En la nomo de la Rumana Esperanto Fervojista Asocio s-ro Emil Tudorache transdonis la bondezirojn, saluton kaj donaon. Inĝ. Magdaléna Feifičová el Slovakio tre varme salutis la solena kunsidon kaj transdonis belan albumon pri la slovaka fervojo. En la nomo de la prezidio de la Hungaris Esperanto-Asoio s-ro Oszkár Princz, la sekretario de HEA, salutis la jubileantan fervojistan asocion. Li alte taksas la laborn de la fervojistaj esperantistoj; dum la historio de Esperanto – kaj enlande kaj eksterlande – la fervojistoj estas la plej aktivaj. D-ro Imre Pethes alparolis en la nomo de la vivantaj fondintoj de la Fervojista Esperanto-Asocio.

En la dua parto de la solena laborkunsido amatoraj virinĥoro kaj dancensemblo prezentis altnivelan kulturprogramon, kiu konigis al ni la folkloran kulturon de ĉi-regiona minoritato.

Post la solenaĵo ni iris al la proksime situanta riverbordo de Danubo, kie ni plantis arbidon je la memoro de la 40jara jubileo.

Vespere okazis komuna festa vespermanĝo kaj balo ĝis noktomezo en tre bona etoso.

Dimanĉe ni vizitis la artobjektan romkatolikan preĝejon devenanta el la XIVa jarcento, kaj poste ni iris al domo, sur kies muro estas lokigita dulingva memortabulo de József Takács. S-ro Oszkár Princz koncize taksis liajn vivon, agadon kaj meritojn. Li estis sekretario, poste ĝenerala sekretario de Hungara Esperanto Societo, redaktoro de Hungara Esperantisto kaj de Tutmonda Kolektanto kaj Hungara Heroldo. Li verkis Esperanto-hungaran vortaron kaj katalogon de la Esperantista gazetaro. Li estis unu el la multaj viktimoj de la faŝismo en la jaro 1944. Fine Oszkár Princz kaj István Gulyás komune metis florkronon sur la memortabulon.

Poste la partoprenantoj per nostalgia trajno veturis la loko Zebegény, kie ni vidis kelkajn interesaĵojn.

Fine ni reveturis al Nagymaros, kaj post komuna tagmanĝo finiĝis la tre bonsukcesa neforgesebla renkontiĝo.

(Iom mallongigita) János Patay

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1997.5
49a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
Erna Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso +45 98 80 15 99.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso 45 98 80 15 99.
**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
3717 034856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Redaktofino** por la venonta IF, kiu aperos fine de oktobro: 10.10.1997.

Presejo:
Gefion Tryk Næstved A/S
ISSN 1397-4270

# Fervoja antologio

Kadre de sia 50a jubilea kongreso, okazonta en la urbo Aalborg 16a-22a de majo 1998 IFEF alvokas ĉies kunlaboron cele al publikigo de eta antologio rilatanta al fervojo.

Povas temi pri

1. Originala verko, eventuale jam publikigita.
2. Traduko el kiu ajn lingvo, eventuale jam publikigita.

La longeco prefere ne preterpasu kvin paĝojn.

Se eble, la aŭtoroj sendu sian kontribuaĵon ankaŭ sur diskedo (programoj: WordPerfect por Windows, Winword aŭ en ASCII-formo.

Limdato: 31a de oktobro 1997.

La kontribuaĵon bonvolu sendi al la IFEF-sekretario:
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4, IT-40139 Bologna.

Se vi konas indan verkon aŭ verkeron laŭ la supre indikita longeco, kaj ne povas mem traduki, bonvolu same signali ĝin al la supra adreso.

Aparta komisiono selektos la verkojn laŭ literatura kaj faka niveloj.

Por tradukaĵoj bonvolu nepre aldoni la originalon kun ĉiuj bibliografiaj indikoj, kaj se la verko jam aperis, lokon kaj daton de la publikigo.

IFEF

# Fervoja Koresponda Servo

S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati



Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

Aldonu se eble internacian respondkuponon. Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Rumanio.